# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 1 (73) ENERO, 1955

## POR FIN....

Desde hacía largos meses, los esperantistas de todo el mundo esperaban con ansia el resultado de los debates que, en la UNESCO, habrían de producirse acerca del Esperanto. La porfiada y acertada labor desarrollada por «Universala Esperanto-Asocio» para lograr, por parte del organismo cultural supernacional, una decisión favorable al Esperanto, había de pasar por el momento crítico de la discusión del asunto, en Montevideo. Desde la triunfal aceptación del idioma de Zamenhof y su consiguiente oficialización en todas las naciones adheridas a la UNESCO, hasta su absoluta repudiación, cabía toda clase de conjeturas y términos medios.

A fuer de sinceros, no creíamos en un rotundo triunfo. Pesa todavía mucho la influencia de las naciones que más pueden perder con la desaparición de su hegemonía idiomática. Pesa también mucho el juego político en el interior de las naciones adheridas, con lo que, países en que el esperantismo tiene gran pujanza, y hasta con altas figuras políticas favorables al Esperanto, han votado en contra de la resolución. Y pesa todavía más, aunque parezca absurdo, el conocimiento superficial o erróneo de lo que es el Esperanto, por parte de quienes se permiten enjuiciarlo, aun siendo lingüistas.

Después de un porfiado forcejeo en la comisión preparatoria, en la que el Profesor Lapenna desarrolló toda su capacidad dialéctica, la sesión plenaria aprobó, finalmente, los tres primeros puntos de la resolución, según los cuales: 1.° UNESCO reconoce los resultados obtenidos por medio del Esperanto en el campo de los intercambios intelectuales internacionales, y para el acercamiento de los pueblos del mundo. 2.° Comprueba que tales resultados concuerdan con los objetivos e ideales de UNESCO. 3.° Encarga al Director General que prosiga la experimentación que presenta la utilización del Esperanto para

# XVI-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## 23 - 27 de Julio de 1955

Adreso de la Organiza Komitato: Grupo Esperantista del Centro Asturiano
Paseo de Begoña, 26-28, GIJON, Asturias

La membroj de la Organiza Komitato daŭras aktive labori, farante gravajn demarŝojn ĉe la plej altaj urbaj kaj provincaj instancoj por atingi la necesan helpon, kiu sukcesigu nian venontan nacian kunvenon. Kun la februara *Boletín* estos sendataj la kongres-aliĝiloj, kaj ni esperas, ke ĉiuj hispanaj samideanoj pretos subteni la Organizan Komitaton, aliĝante kiel eble plej baldaŭ, ĉar la aliĝoj en la lastaj momentoj, kvankam valoraj kiel la aliaj, laborigas streĉe la komitatanojn en la tagoj, kiam ĉiuj klopodoj estas necesaj por la lastaj preparoj pri la kongresaj aranĝoj. Kun la aliĝiloj estos sendata listo de hoteloj kaj pensionoj kun la koncerna prezaro. Krome funkcios tendaro por la amantoj de la Naturo.

---

## Krom la Spirita, Ankau Bona Materia Rezultato en Zaragoza

Ni ĝojas informi nian legantaron, ke la financa rezultato de nia lasta kongreso estis tre bona. Kvankam la konataj ciferoj ne estas definitivaj, ni povas antaŭsciigi, ke la bilanco montras profiton de proksimume 12.000 pesetoj. Kiel kutime en antaŭaj kongresoj, la Zaragoza Kongres-Komitato destinis la duonon de tiu sumo por nia Federacio kaj la alian duonon por la loka Klubo «Frateco». Informante pri tio al la federacia membraro, ni dankas tiun komitaton, kiu tiel bone kondukis la financan flankon de la kongreso, kaj samtempe ni ankaŭ dankas la noblajn Urbestraron kaj Provincan Deputitaron de Zaragoza, kiuj bonvolis subvencii la kongreson. Specialan dankon al S-anoj Marqueta, Marco kaj Guío, kiuj tiom laboris por atingi tian sukceson, helpe de entuziasmaj gekamaradoj, kiujn ni tre sincere admiras kaj prezentas kiel ekzemplon de fervoro kaj samideana entuziasmo.

---

la educación, la ciencia y la cultura, y, con tal objeto, colaborar con «Universala Esperanto-Asocio», en todos los asuntos que interesen a ambas organizaciones.

Analizando desapasionadamente los resultados obtenidos, estos nos aparecerán valiosos o mezquinos, según el prisma con que se observen. Objetivamente, el Esperanto ha logrado una consideracion oficial internacional, de la que carecía desde los tiempos de la extinta Sociedad de Naciones. Además, ha sido el único idioma que ha logrado tal consideración, de la que han sido excluídos otros idiomas o proyectos. El tercer párrafo de la resolución deja ámpliamente abierto el campo de la colaboración y de las realizaciones prácticas del Esperanto. Ahora bien, considerando el asunto bajo el punto de vista de todo esperantista, el resultado obtenido, aun siendo un reconocimiento del valor del idioma auxiliar, es la confirmación de nuestro criterio acerca de la lamentable ignorancia de la gran mayoría de los intelectuales y pedagogos de casi todo el mundo acerca del problema lingüístico. O no se percatan de la necesidad perentoria de adoptar un idioma común, o ignoran hasta lo más elemental relativo al Esperanto. Y ambas crasas ignorancias son imperdonables. El problema de la comprensión internacional es el primerísimo que incumbe a la UNESCO. Cualquier otro punto en su programa está enormemente por debajo de la importancia de aquél, y toda dilación o escarceo que aleje la resolución del problema, por medio del Esperanto, es una grave falta contra los principios constitutivos del organismo cultural.

Al cerrar este artículo, debemos rendir el homenaje de nuestro fervoroso saludo a la comisión española en la UNESCO, que tan alto ha dejado el pabellón español, y en especial al Excmo. Sr. Ministro de Educacion, D. Joaquín Ruiz Giménez; a cuantas delegaciones votaron a favor de la resolución, y a los esperantistas de todo el mundo, que ayudaron económicamente para que el Esperanto fuese debidamente defendido.

Y al Profesor Lapenna, el hábil, inteligente y denodado paladín del Esperanto, el testimonio de nuestro ilimitado agradecimiento.

# PRI ANTIBIOTIKAJ KURACILOJ

De kiam Fleming eltrovis la penicilinon, multaj sciencistoj traser as ĝis la plej malproksimaj kaj diversaj terenoj por malkovri novajn specojn de fungoj, kulturi ilin kaj eltiri substancojn, kiuj utilas al la homaro.

Krom penicilino, dank' al persistemaj scienculoj, estis eltrovitaj multaj antibiotikoj —streptomicino, kloromicetino, aŭreomicino, teramicino ktp.—, kiuj revoluciigis la Medicinon.

La serĉado daŭras senĉese, kaj de tempo al tempo, oni povas legi en sciencaj revuoj, ke en la laboratorioj oni eksperimentas novajn antibiotikojn, antaŭ ol uzi ilin por kuraci malsanulojn. Oni ne povas nei la grandegan utilon faritan de tiel mirindaj kuraciloj, kiam oni uzas ilin precize kaj adekvate; kaj fakte, malsanuloj antaŭnelonge nesanigeblaj, aŭ sanigeblaj post longa kuracado, resaniĝas rapidege; tamen la antibiotikoj povas esti ne efikaj kaj eĉ danĝeraj. Kial? Ili ne estas mikrobicidaj —ekzemple kiel la fenolo, la sublimato aŭ hidrarga biklorido ktp.—, ili estas mikrobostatikigaj; tio estas, ilia agado estas malebligi, paralizi la evoluon de la mikroboj kaj sekve la eksterordinaran reproduktadon, kompreneble, kiam oni aplikas sufiĉan dozon kaj dum sufiĉe da tempo.

Pro tiu agado, la mikroboj restas inertaj, letargiaj, mortŝajnaj kaj la homa organismo, per substancoj ekzistantaj en la sanga sero —aglutininoj, lizinoj, precipitinoj ktp. —aŭ per specialaj ĉeloj nomataj fagocitoj, atakas la mikrobojn, detruas ilin kaj la resaniĝo okazas. Kontraŭe, kiam la dozo ne sufiĉas, la mikroboj kuraĝiĝas, kreas novajn defendojn, kaj la antibiotikoj ne efikas; la mikroboj fariĝas antibiotikrezistaj, kaj eĉ la plej grandaj dozoj ne sufiĉos.

Oni ne devas ĉesigi aplikon de ĉi tiuj kuraciloj tuj kiam la febro malaperis, ĉar la letargiaj mikroboj revigliĝos, reatakos la malsanulon kaj okazigos recidivon.

Multfoje utilas miksi du antibiotikaĵojn por pligrandigi la efikecon, sed oni devas averti, ke ciuj ne estas mikseblaj ĉar kelkaj el ili interferas la agadon de aliaj kaj, se oni uzas ilin samtempe, ili sin nuligas reciproke.

Resume. Oni povas diri metafore, ke la antibiotikaj kuraciloj estas ambaŭflanke tranĉaj armiloj, kies utileco kaj efikeco dependas de adekvata uzo.

*E. Tudela*
Kuracisto.

(Daŭrigota).

---

# KALENDARO

Mil - naŭ - cent - kvin - dek - kvina! —La ĵus naskita jaro
laŭ moro komenciĝis l'unuan JANUARO.

Feliĉe FEBRUARO havos dudek-ok tagojn;
sed por la oficistoj, la samajn salajrpagojn.

En MARTO la vetero mildiĝos, verdos grundoj,
revenos el Afriko blunigraj la hirundoj.

Semajno Sankta vekos en APRIL' la kompaton:
ni ploros la vendredon kaj ĝojos la sabaton.

MAJO! —Pepados birdoj, ekfloros la lilio
kaj gejunuloj ĵuros: «Viv' estas poezio!»

Alvenos kun JUNIO la temp' de l'ekzamenoj
kaj la student' premion ricevos por la penoj.

JULIO —La falĉistoj ŝvitados sur kampsulkoj.
Rikolto de tritiko iĝonta frandaj bulkoj.

La greno rikoltita, ripozos hom' kaj besto.
AUGUSTE la vilaĝoj bruados pro la festo.

SEPTEMBRO! —Jam en urboj reprenos la bonordo;
revenos feliĉuloj el la norda marbordo.

OKTOBRO venos griza —Denove al laboroj!
Terlaboristoj, plugu! Instruu, profesoroj!

NOVEMBRO memorigos nin pri la homa sorto:
sonoros sonoriloj sonadon de la morto.

Finiĝos en DECEMBRO la dekdubranĉa fasko
al ni portante dolĉajn plezurojn de Kristnasko.

Tiel, kiel pasinte, elkuros taga fluo,
turniĝos siavice la ĝuo kaj l'enuo;
sed unu jaron —Kiun?— Ve, la homa destino!
ni venos al komenco kaj ne venos al fino.

*Amalia Núñez Dubús.*

# ANTONIO GAUDÍ KAJ «LA SANKTEGA FAMILIO»

En Barcelono estas fama templo kies impona konstruo altiras nepre ĉiujn vizitantojn laŭ du malsamaj vidpunktoj, la arkitektura kaj la religia. Efektive, kiam tiu-ĉi ne finita kolosa monumento estas atente, senpriju̇ĝe rigardata, oni ne scias kion pli admiri, ĉu la kreantan povon de l' artisto aŭ la penetrantan mistiksenton, per kiu la genia kataluna arkitekto vestis la ŝtonformojn. Kiel monumento, ĝi posedas propran kaj karakterizan naturaliststilon, en kiu originale kombiniĝas kaj fandiĝas la stiloj klasika, neogotika, baroka kaj pure geometria. Mi priskribu la diversajn partojn de tiu-ĉi mirinda konstruaĵo.

*Fasado.* La Naskiĝo-fasado atingas altecon de 112 metroj de la stratnivelo ĝis la turpintoj. Ĝi konsistas el tri portaloj: dekstre, Portalo pri la Fido; maldekstre, Portalo pri la Espero, kaj meze, la ĉefa, Portalo pri la Karito. Ĉiuj portaloj estas tre bele ornamitaj, plibone, broditaj. Ĉi-fasado tuje ekstaze ravas nin pro sia filigrana arkitekturo, pro sia paradiza fantazio, ĉar kien ajn niaj okuloj estas direktataj, ili perceptas novajn kaj belajn kapricojn aŭ eltrovas diversajn signifoplenajn simbolojn. Ĉiuspecaj hejmaj bestoj kaj birdoj aperas sur la frisoj, ĉi-kaj-tie disigitaj. Iomete supre vegetaloj, herboj, floroj ornamas kaj kompletigas la ĝeneralan fonon. Sed superregante tian subliman spektaklon, majeste elstaras la homa figuro, al kiu Gaudí atribuas altreliefon kaj ĉefan gravecon. Tial, li ofte uzas statuaron por grandioza reprezentado de pluraj bibliaj scenoj aŭ diaj alegorioj. Rilate tion, estas menciinda la interesega grupo «La kronado de la Virgulino», sur kiu troviĝas verda cipreso, simbolo de perfekteco kaj rifuĝejo de birdoj dum la ŝtormo. Ankaŭ interesas: «La senmakula Virgulino», «Navo de l' Eklezio», sur kiu stariĝas monolito Montserrat, reprezentanta nian faman montegon; «Anonco al Sanktega Virgulino», «Vizito al Sankta Elizabeto», «Restado en Nazareto», «Foriro en Egiptujon», «Infana Jesuo en la templo». Antaŭ la centra portalo oni vidas striitan kolonon, kies supraĵo estas skulptita per genealogia arbo de Jesuo, parte cirkaŭita per aĵura fera forĝaĵo. Ambaŭflanke, sed iom apartigita de ĝi, leviĝas alia belega palmforma kolono apogita sur granda testudo, klara simbolo de la spirita forto de l' Eklezio.

*Sonorilturoj.* Nun mi intencos priskribi la eksterordinaran belecon de la kvar ko-



nusformaj sonorilturoj, malgraŭ ke ilia ĉarmo ne povas esti kaptata per simpla artikolo. La sonorilturoj gracie, harmonie stariĝas montrante kromatajn suprojn, kiuj entenas la episkopajn atributojn: episkopbastonon, mitron, krucon kaj ringon. Speciale allogas la mitroj, kiuj konsistas el du paroj da ruĝaj cirkloj rondire ĉirkaŭitaj de blankaj sferoj, same kiel kruco kaj ringo el oro; kaj ĉio tegita de polikromaj veneziaj mozaikoj kiuj intense rebrilas kaj respegulas la sunradiojn. Iomete malsupre kaj sur akra supraĵo vidiĝas vertikale ses vicoj da latinaj alvokoj, kies temoj «Hosanna»,

«In excelsis» trifoje ripetiĝas. Same helicoide suriras la turmurojn la frazo «Sanktus, Sanktus, Sanktus» kaj horizontallinie, emocia «Sursum Korda». Por faciligi la trairadon, ĉiuj sonorilturoj komunikiĝas per pontoj. Ĝuste la supera ponto estas alta je 59 metroj. Vere mirindaj estas la originalaj ŝtuparoj spirale suprenirintaj inter la du strukturoj kiuj formas la turmurojn. Tiu-ĉi konstrua detalo ne nur pruvas per si mem la teknikan majstrecon de l' arkitekto, permesante lin solvi la plej malfacilajn metio-problemojn, sed ankaŭ ĝi devenas el la neceso profiti ĉirklan spacon por enlokigi ĉi-tie tubajn sonorilojn. Ĝuste tiaj specialaj sonoriloj estos parto de grandaj elektraj orgenoj permesontaj ludi iun ajn religian kompozicion.

*Absido.* Apartan komentarion meritas ankoraŭ ĉi-parto ne tute konstruita. Ĝiaj muroj montras altajn neogotikajn fenestrarojn, tre adekvataj por solvi gravan problemon pri la natura interna lumigado de la baziliko. Ĝia meza kaj supra parto aspektas tre bele dekorata per vegetalbranĉoj, kiuj interkruciĝante enradikiĝas en la muroj kvazaŭ hederoj. Sur la muroj kaj kontraŭmuroj stariĝas artismaj pinakloj, pintoj kaj finialoj. Eksterordinare originalaj estas la gargojloj. Ĉiu el ili reprezentas jen serpenton, jen lacerton, jen kameleonon aŭ marhelikon.

*Kripto.* Kontraste kun la ekstera ornamaĵa riĉeco de la monumento, la kripto male impresas pro sia natura simpleco. En ĝi oni admiras dudek kvar kolonojn kies larĝaj kapiteloj konsistas el diversaj foliaraj motivoj bonguste skulptitaj. En ĉi-subtera parto ekzistas kelkaj altaroj kiuj provizore estas utiligataj por fari ĉiutagan meson, same kiel disdoni la necesajn parohservojn. Ĝuste alkroĉita al la muro de la ĉefa altaro, altiras la atenton skulptaĵo dediĉita al «La Sankta Familio». Ideis la bildon Gaudí mem, sed la komponon majstre ĉizis la kataluna skulptisto Jozefo Llimona.

Pri la genia arkitekto Gaudí oni ne povas forgesi, ke lia tombeto troviĝas, dank' al speciala privilegio de Romo, sub la planko de l' altaro pri la Karmelo-Virgulino.

Antaŭ ol fini ĉi-skribaĵon, mi rimarkigos kelkajn kuriozajn detalojn. Kiel dirite, la bazilika templo estas nur parte konstruita. La definitiva projekto konsistos el tri fasadoj kun po kvar korespondaj sonorilturoj, t. e. entute dekdu. Plie unu kupolo alta je 170 metroj, ĉirkaŭata de kvar kupoletoj, kaj ankoraŭ alia sur la absido.

*Mezuroj.* Longeco. Navo kaj absido 95 metrojn. Transepto 60 metrojn.

Larĝeco. Centra navo 15 metrojn. Flankaj navoj 7,50 metrojn. Larĝeco tuta 45 metrojn. Transepto 30 metrojn.

Navo-volbo estas alta je 45 metroj.

Antonio Gaudí dediĉis al la konstruado de «La Sanktega Familio» 44 jarojn proksimume. Tiu fakto evidentigas lian arkitekturan intensan laboradon.

S-ro Matamala Flotats (patro), skulptisto, zorgis pri la frisoj de la malsupra parto de la fasado. S-ro J. Matamala Flotats (filo), prestiĝa pentristo kaj skulptisto, realigis preskaŭ ĉiujn ceterajn skulptaĵojn. (Ĉi-artisto ankoraŭ loĝas en Barcelono).

Jen do, skize, malgranda resumo pri mirindega templo, kiu pro siaj teknikaj, plastikaj kaj simbolaj valoroj konsistigas vere nekalkuleblan altkvalitan trezoron de la universala religia arkitekturo kaj samtempe naturan fieron de nia grafa urbo.

*Jaime Aragay*

**Foto reproduktita kun afabla permeso de S-ro Puigferrán - Campañá.**

---

## EL ESPERANTO EN LA PRENSA

**En la revista «Destino» han aparecido en poco tiempo varios artículos sobre nuestro idioma internacional, que han llamado la atención por tratarse en general de estudios objetivos, documentados y muy valiosos para nuestra propaganda. Merecen especial mención los de los señores Dalmau y Romano.**

**En «Unidad» de San Sebastián, hemos tenido el gusto de ver reproducido nuestro editorial «Un amigo se nos fué». En el mismo periódico apareció un juicio erróneo sobre el Esperanto y sobre la actuación del grupo de jóvenes esperantistas de la hermosa ciudad vasca. Inmediatamente apareció en las mismas columnas una acertadísima réplica de Don Ignacio Aguirre, a quien felicitamos por su feliz artículo.**

**La revista «Valencia Atracción» ha publicado un artículo en Esperanto sobre Valencia, escrito por nuestro ex redactor Don Luis Hernández.**

# PENTRISTO

**Unua premio en la Literatura Konkurso de la XV-a Hispana Esperanto - Kongreso (Originala prozo).**

Maljuna, malgrasa, malafabla; sulkvizaĝa, avareta, nerva... Sinjoro Bon, laŭ propra diro, estas trankvila nur en dormo aŭ en sia bieneto for de la civiliza urbo. Li ne mensogas; li aplombe parolas skandante la vortojn por klare memorigi pri tiu beninda tempo, kiam la mondo estis tute alia, kiam la ŝtatimpostoj estis pageblaj, kiam la urbaj akcizoj ne ankoraŭ ŝprucigis sian mortigan venenon al tiu, kiu havas elstaran kamentubon, pordofrapilon aŭ muzikinstrumenton; kiam ne ekzistis tiom da laborleĝoj frenezigantaj per sia «nekomprenebleco»; kiam la kosto de ŝuoj esprimiĝis per 6, kaj ne per 350 kiel nun.

Je mia ellitiĝo matene —li diras ofte— kolero tuj ekbrulas en mi, ĉar kio nuntempe ne kolerigas? Mi ne rajtas diri al miaj dungitoj ke ili estas mallaboremaj, mallertaj aŭ forĵetindaj; mi ne povas demandi al miaj klientoj postulantaj tujan, perfektan servon, ĉu ili pagos perfekte kaj tuj; mi devas aŭdi pri nova impostplialtigo, pri la danĝero de la atombombo aŭ konstati ke la ricevitaj farboj, malgraŭ la alta prezo, estas de malalta kvalito.

Lerta kaj servema, S-ro Bon en sia juneco akiris klientaron, kiun li konservas. Lia celo ĉiam estis: prezenti perfektan laboraĵon, kontentigi la klientojn, akiri novajn, famiĝi per la kvalito de sia laboro. Jen kial S-ro Bon estas malafabla, ĉar neniam kontenta; jen kial li estas avareta, ĉar li ambicias indan, superan rolon en sia profesio.

---

Gesinjoroj Dik loĝas malapud la urbo, en bieno, kie abundas floroj, suno, arboj, birdomuziko. Bieno aŭ ĝardeno, ĝi estas la verko de la sprita kaj bonhumora S-ro Dik, kiu havas sian filozofion: «Tian vivon oni havas, kian oni al si faras; pli bone estas vivadi sole, en natura kadro kvazaŭ for de la mondo, ol diskutadi en civilizita homa rondo, car diskuto naskas disputon kaj disputado malpacon; do, for la diskutadon! Estu nur unu ordono en ciu domo, kaj se la domanoj obeas, paco ne pereas; la Naturo estas nia patrino, kial oni deapartiĝas? La Homo devus vivadi en kiel eble plej natura naturo».

Kvankam S-ro Dik estas tre parolema, li rezervas al si la decidorajton ĉar «la viroj estas superaj je la virinoj» kaj tute ne decas ke familiestro priatentu la kapricajn opiniojn de sia edzino. Tial nenian efikon havis la aldiroj de Roza, lia edzino, kiu murmuradis: «Kie povas flugi birdoj, tie ankaŭ povas flugi kuloj, vespoj aŭ muŝoj; kie estas rozoj, tie estas dornoj; kie floroj, tie herbo; kie belaj papilioj, tie naŭzaj raŭpoj».

Nia Paradizo —tiel S-ro Dik nomas sian bienon— estas ĉirkaŭita per muro. Ĝia enirejo, fermita per bela, arta, alta, fera pordo. Post la enirejo, longa, majesta aleo borderita de altaj akacioj. Sprita amiko de S-ro Dik, ŝerce demandis al li:

—Ĉu laŭ via filozofio plikonvenus la vorto «domvizaĝo» ol fasado?

—Jes, li respondis.

—Do, via Paradizo ne havas vizaĝon ĉar nur muro videblas ĉirkaŭ ĝi!

—Vi, malspritulo, ĉu vi preteratentis ĝian altan, artan, belan, feran pordon? Ĝi estas la fasado aŭ «vizaĝo»!

---

Se pro artismo aŭ koketeco junulinoj ŝminkas al si la vizaĝon kaj reliefigas per ruĝo la lipojn, tial la bela, arta, alta, fera pordo estis tuj pentrota.

—Roza —vokis S-ro Dik—, bonvolu venigi la pentriston.

Telefone alvokita, jen aperas S-ro Bon, kiu decidis iri mem, ĉar S-ro Dik estas riĉa kliento, kies aristokrata, delikata gusto ne estis ĝuste komprenata de liaj dungitoj, ĉiam mallertaj, neniam sufiĉe afablaj.

—Bonan tagon, S-ro Dik, je kio mi povas servi vin?

—Jen, la pordo de nia Paradizo estas pentrota; sed neniel forgesu ke ĝi estas la plej simbola parto de nia ĝardeno.

—Diru, kara Sinjoro, kiun koloron vi preferas?

—Nu, eble... ĉu ruĝan? Mi ne scias ĝuste... Vi, S-ro Bon, maljuna profesiulo, kiel vi farus?

—Mi, por arta feraĵo, kia estas via malordinara pordo, elektus... grizan... ŝtalan... ja, ŝtale-grizan koloron; tiu-ĉi estas la plej adekvata.

—Mi alte taksas vian sperton, S-ro Bon; kiel vi faros, tiel estos bone.

---

Turmentite, suĉite de moskitoj, Sinjorino Roza devis ĉesi en trikado kaj iri for de la nervotrankviliga ombro de tilio. Senintence, tra la aleo, ŝi venis al enirejo, kie S-ro Bon estis finanta la taskon.

—Ho! S-ro, kian koloron vi elektis?

—Sinjorino, tiun, kiun ni konsentis: ŝtale-grizan, la plej konvenan por arta feraĵo, kia estas via bela pordo.

—Sed, kial vi pentris verde?

—Ĉu verde? Kiel tio estas ebla? Mi ja ne kunportis verdon! Ekrigardu, Sinjorino la penikon, ĝi estas la plej verdirema atestanto.

—Ekvidu, ekvidu la verdajn rebrilojn, la verdan nuancon laŭlonge de tiu meza stango! Tio ne plaĉas.

Laŭ la sama vojo ŝi reiris, kaj la pentristo mordante al si la lipojn grumblis blasfeme kontraŭ la sorto. Ja ŝajnis al li strange ke ĉio tiel bone prosperas. Post momento «hazarde» aperas S-ro Dik, la sola decidanto en sia domo.

—Strange, S-ro Bon, de kio venas tia verdeco?

—Kia verdeco!? Ĝi ne povas esti verda!

—Ekvidu la verdajn rebrilojn, la verdan nuancon sur tiu meza stango! Ne, ne decas verda koloro por mia arta pordo. Bonvolu repentri.

—Kiel vi ordonas, tiel estas farote, S-ro Dik; sed kian koloron vi decidas?

—Nu, eble... nigran; jes, fero estas nigra, do ni faru laŭ naturo.

Kvankam la pentristo malkonsentis silente, ĉar —li pensis— nenie estas vidite ke la fero estas nigra, li diris:

—Konsente; sed mi atentigas vin, ke vi elektis ĝuste tian koloron, kian oni ne povas pridiskuti, ĉar ekzistas nur unu nigra koloro, dum ekzistas tiom da ruĝoj aŭ bluoj kiom oni volas: helegaj, helaj, heletaj, malheletaj, malhelaj, malhelegaj...

—Mi ne ŝatas diskuti.

Kaj S-ro Bon ekpreparis nigran farbon por tuja repentrado.

---

Sinjorino Roza, pro la aeraj loĝantoj de sia Paradizo, ne povis plu trikadi ripoze en la ombro de sia trankviliga tilio. Nervume ŝi estis devigata paŝadi, kaj jen ŝi reaperas antaŭ S-ro Bon.

—Ho, ve, Sinjoro! Ĉu vi pensas ke nia ĝardeno estas tombejo? Nigra, mortaspekta, kian ideon!!

—Sinjorino, estas nur unu nigro, kion do mi povis fari? Tiel decidis via edzo.

Ŝi reiris kaj post nelonga momento «hazarde» revenis S-ro Dik:

—Kia nigreco! Oni pensus ke ĉi-tie estas bela tombejo; vere tro nigra, certe malplaĉa...

—Sinjoro, respondis Bon, mi jam avertis vin ke ekzistas nur «unu» nigra koloro. Kion do mi povis fari?

—Mi ne ŝatas diskuti. Havu paciencon kaj bonvolu repentri,

—Mia pacienco, S-ro, estas neelĉerpebla se via monujo estas ankaŭ tia. Mi povas pentradi vian pordon ĝis la feraj stangoj tuŝos, pro la farbo, unu la alian. Sed, mi petas, kian koloron vi ordonas?

Nu, eble... Ĉu vi, pentristo, ne scius elekti la plej adekvatan?

—Mi preferus, por via bela pordo, grize-ŝtalan, ja, ŝtale-grizan, kiel decas al ĝi.

—Verŝajne vi estas prava. Pentru laŭ via saĝo kaj laŭ via juĝo! Kaj S-ro Bon repentris tiel same, kiel la unuan fojon. Fininte, en sia konfuzeco li serĉadis la kaŭzon de la verdo, kiun Sinjorino Roza ekvidis kaj Sinjoro Dik devis vidi malgraŭ sia filozofio: ke ne estas atentindaj la kapricaj opinioj de la virinoj. Rigardante la pordon de sub la akacioj, li ekrimarkis ke la sunlumo, pasante kvazaŭ filtrate inter kaj tra la maldikaj, delikataj folioj, verdete nuancigis la ŝtale-grizan koloron de la bela, alta, arta, fera pordo!

Hejmenirante li ne povis fiksi klare la ideojn; diversaj impresoj turnadis en lia kapo: Luma fenomeno malofte observita, la forto de kaprico de virinoj, duboj pri ĉia filozofio, kontentiĝo pro la triumfo de sia profesia sperto... sed kio pleje batigis lian koron, kaj lin obsedis, tio estas: Kio okazus, se mi estus veniginta iun el miaj mallertaj, ne sufiĉe afablaj laboristoj?

***Salvador Gumá.***

# HISPANA KRONIKO

*JEREZ DE LA FRONTERA.* Esperanto-kursoj daŭras, inter ili speciala por blinduloj. S-ano Pedro Naranjo aktive kunlaboras en la loka gazeto «La Voz del Sur», aperigante tre bonajn propagandajn artikolojn.

*SAN SEBASTIÁN.* Estas elektita nova estraro de la Baska Esperanto-Rondo, laŭ jena listo: Prezidanto, S-ro Quintín Villagrá; Sekretario, S-ro Javier Santamaría; Kasisto, S-ro Santiago Santana; Voĉdonantoj, S-ro Francisco Múgica, F-ino Amelia Salgado, F-ino Mercedes Prado kaj S-ro Eduardo Urgoiti. Pri la propaganda fako zorgos S-ro Julio Salgado laŭ propra deziro. Ĉi tiu samideano estas la iniciatinto de la Esperanto-movado en ĉi tiu urbo, post la milito.

*BARCELONA.* Efektiviĝis la solena omaĝo al S-ano Federico Pujulá y Vallés kun granda sukceso. En la Grupo «Stelo de Paco» daŭras Esperanto-kursoj diversklasaj: elementala, supera, por deklamado kaj stenografa. En «Casa Valencia» okaze de solenaĵo por rememorigi la rekonkeron de Valencia (XIII-a jarcento) estis inaŭgurata nova Esperanto-kurso. D-ro F. Mateu Llopis, eminenta profesoro pri Filozofio kaj Literaturo en la Universitato kaj direktoro de la Centra Biblioteko, okupis unu el la plej elstaraj lokoj en la prezidantaro, kaj gratulis S-anon Rafael Gisbert pro lia enkonduka kaj inaŭgura parolado.

*SABADELL.* Vespere la 13-an de pasinta Novembro okazis en la festsalono de Cooperativa «La Sabadellense» kurs-inaŭgura festo kun la tradicia distribuo de esperantaj libroj al membroj de RELA (Rondo de Esperantistaj Libro-Amikoj) kaj al la sukcesintaj lernantoj de la antaŭa kurso. Detalan raporton pri sia 4-monata restado en eksterlando —kie ŝi ĉeestis Esperanto-semajnon en Gresillon kaj partoprenis la Universalan Kongreson en Haarlem— faris la simpatia fraŭlino Pepita Criach, helpe de lumbildoj. Post kelkminuta recito fare de deklamemaj klubanoj, samideana dancado kronis la feston je la unuaj horoj de la mateno.

*ZARAGOZA.* La 15-an de Decembro la loka Grupo «Frateco» celebris la datrevenon de Zamenhof per la kvara numero de la grupa parolata revuo «Nia Vivo». La kunveno okazis en la prelegsalono de la Scienca Fakultato laŭ jena programo: «Nia Parolilo» de S-ro D. Bergés, «Mallonga biografio de D-ro Esperanto» de D-ro de la Puente, La Muziko, «Difino kaj omaĝo» de A. Marco (kun komentario kaj aŭdigo de polaj kompozicioj) kaj Nia Parnaso, «Honore la Majstron» (poeziaĵo deklamita de sia aŭtoro) de A. Sevilla. Je la fino S-ano Marqueta paroladis pri la jus okazinta kunveno de Unesco en Montevideo kaj ĝia favora decido pri Esperanto, kio estis ricevata kun aplaŭdoj. Oni ludis la diskon «La Espero», kio finigis la kunsidon, kies sukceso estis ne nur en la brila disvolvo de la disertacioj, sed ankaŭ kaj precipe en la entuziasma klimato de la ĉeestantaro, rimarkinde multnombra. Oni pretendas ĉe la junularaj medioj, definitive starigi la revuon monata, kiel nepra kontaktilo por multaj samideanoj kiuj ne frekventas nian sidejon kaj sekve forgesas la Movadon iom post iom.

[illegible] estigas interesajn konversacion kaj diskuton, ofte partoprenatajn ankaŭ de neesperantistoj, kiuj tiamaniere povas konvinki sin pri la taŭgeco de internacia lingvo. Ankaŭ tra la radio la madridaj samideanoj propagandas, kaj ni menciu la interesan intervjuon al S-ano Darío Rodríguez, elsenditan de *Radio Nacional de España* la 15-an de Decembro. La anoncita ekspozicio okazos verŝajne dum venonta Februaro en la *Nacia Biblioteko,* kaj donacoj por tiu ekspozicio estos akceptataj ĝis la 1-a de Marto. Donacintoj de minimume 10 pesetoj, ricevos danke unu ekzempleron de la originala drama verko de F. Azorín *Adamo kaj Eva* aŭ alia esperanta verko.

# NOVAJ LIBROJ

***Recenzistoj esprimas ĉi tie siain proprajn juĝojn pri verkoj. La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.***

**LA INFANOJ DE MILITBAZOJ.** **Eldonis Japana Esperanta Libro-kooperativo, Nakacuhoma-doori 2-20, Oojodo, Osaka, Japanio. Kompilis Simizu Ikutaroo, Mijahara Seiiĉi kaj Ueda Soo-zaburoo. Ekstrakte tradukis Kansai Ligo de Esperanto-Grupoj, Tonkai Esperanto-Ligo kaj Kju-ŝuu Esperanto-Ligo. Prezo neindikita.**

Tiu ĉi okdekpaĝa libro en korekta traduko estas kolekto da verkaĵoj pri observoj kaj impresoj de tiuj geknaboj, kiuj loĝas proksime de la militbazoj, kiujn Usono havas en Japanio. La niponaj infanoj ne skribas pri la Pacpakto kaj Sekurkontrakto kun Usono, pri kiuj ili ankoraŭ ne povas ĝuste kritiki; sed, ili montras la dorsan flankon de la scenejo, tial ke ĉiu medalo, du flankojn posedas. La militbazaj geknaboj plendas, ke la okupanta armeo implikas ilian vivon kaj infektas la morojn de la popolo. Dum la tago zumas aviadiloj, krakas bazukoj, bruegas skrapmaŝinoj kaj la kanonoj tiom forte pafas, ke la domobjektoj moviĝas. Dum la nokto la bruo de ĵazo, la krioj de drinkejoj kaj la tumulto en kabaredoj ne lasas ilin dormi. La geknaboj raportas, ke japanaj urboj malordiĝis, junuloj fariĝis diboĉemaj kaj junulinoj fordonas la purecon de sia korpo kaj spirito. Hibridoj naskiĝas. La konsciaj geknaboj suferas, kaj tamen iliaj gepatroj ne povas evitigi al ili la doloron, ĉar multfoje, ili ŝuldas sian laboron al tiuj militbazoj, kiujn ili malamas. La kompilintoj de la verketo agnoskas, ke oni ne povas kulpigi la usonajn armeanojn, ĉar pri ĉio tio respondecas nur la militpreparantoj. Tial ili deziras, ke la homoj de la tuta mondo pripensu bone ĉi tiujn faktojn, kaj komprenu kion [illegible] «La Infanoj de Militbazoj».

*Ricardo Quiles.*

**NURMBERG,** **ilustrita turist-prospekto kun esperanta teksto, eldonita de Trafik-unuiĝo Nurmberg. Adreso: Verkehrsverein Nurmberg e. V., Lorenzerstrasse 31, Nurmberg, Germanujo.**

Post la 36-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en 1951 en München, Esperanto-Grupo Nurmberg aranĝis postkongreson, vizitita de multaj personoj; tiam la Trafik-unuiĝo Nurmberg eldonis Esperanto-prospekton pri la urbo, per kiu la esperantistoj povis tre bone konatiĝi kun ĝiaj vidindaĵoj. Ree pasintjare estis eldonita nova bele ilustrita plurlingva prospekto enhavanta Esperanto-tekston.

**HANNOVER KAJ MALGRANDA GVIDLIBRO TRA H A N N O V E R,** **turist-folioj eldonitaj esperantlingve de Stadt Verkehrsburo, Ernst-August-platz 8, Hannover, Germanujo.**

La Trafik-unuiĝo Hannover eldonis ĉi tiujn du foliojn pri la landa ĉefurbo de Malsupra Saksujo, sidejo de la landa parlamento kaj registaro, kaj situanta en krucpunkto de eŭropaj trafiklinioj, sur tero, en aero kaj ankaŭ sur akvo, ĉar ĝi posedas gravan enlandan havenon.

**KURHESSON UND WALDECK,** **bildbroŝureto eldonita de Fremdenverkehrsverband Kurhessen und Waldeck, Kassel, Germanujo. Favora prezo: 0'30 gm.**

Ĉi tiu broŝuro riĉe ilustrita per 16 nigraj fotoj, 2 kolorbildoj kaj centra 4-inka mapo de la regionoj, estas eldonaĵo de la koncerna Turist-oficejo, por montri ties regionajn mirindaĵojn. Bone presita kaj bele eldonita.

**RAPORTO PRI LA APLIKADO DE ESPERANTO EN DANUJO.** **Eldono de Centra Dana Esperantista Ligo, Pr. Jorgensgade 4, Kobenhavn N, Danujo. Prezo: 4 respondkuponoj (kune la originalo kaj la esperanta traduko).**

Nome de Centra Dana Esperantista Ligo, S-ro Paul Neergaard redaktis raporton, informanta al la dana Unesco-komisiono pri la amplekso de la instruado kaj aplikado de Esperanto en Danujo. Tiu raporto estas tradukita el la dana lingvo en Esperanton kaj dissendita al ĉiuj asocioj.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Marto.***

Sendis korektajn solvojn de la enigmoj n.º 12 kaj 13 jenaj gesamideanoj: V. Perles, A. Núñez, M. Fernández Méndez, J. M. Fontcuberta, E. Miralles, J. Silva, M. A. Perles, P. Naranjo, R. Albero, S. Roca kaj J. Armadans. S-anoj E. Miralles, M. A. Perles kaj S. Roca jam atingis la 10 poentojn, tial ni sendas al ili la libropremiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 12

***Horizontale:*** 1 Pork, krom. 2 Oriol, arako. 3 Mumio, nebul. 4 Tang, anim. 5 Sci, ses. 6 Um, il, ol, il. 7 Rajd, obei. 8 Aĉa, bal, urb. 9 Ĝi, solid, ki. 10 Fenomen. 11 Federacio.

***Vertikale:*** 1 Pom, kuraĝa. 2 Orut, maĉi. 3 Rimas, ja, fe. 4 Koincid, sed. 5 Logil, bone. 6 Valor. 7 Anaso, lima. 8 Krenelo, dec. 9 Rabis, bu, ni. 10 Okum, ierk. 11 Mol, alibio.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 13

***Horizontale:*** 1 Gaja, kuba. 2 Alena, karaf. 3 Posed, arist. 4 Juki, rano. 5 Asa, abi. 6 Ni, aŭ, te, ol. 7 Anas, nuba. 8 Tig, mem, jes. 9 Ec, moviĝ, it. 10 Baterio. 11 Rojalismo.

***Vertikale:*** 1 Gap, anatem. 2 Aloj, inic. 3 Jesua, ag, bo. 4 Aneksas, maj. 5 Adiaŭ, mota. 6 Bevel. 7 Karat, miri. 8 Karaben, ĝis. 9 Urini, uj, om. 10 Baso, obei. 11 Aft, elasta.

ENIGMO N.º 15

Kruevorta enigmo, de Juan Devís.

Sama figuro aperinta en antaŭaj numeroj.

***Horizontale:*** 1 Spasme kaj brue elpuŝi aeron el la pulmoj, (rad) legoma vegetaĵo kun manĝeblaj platrondaj semetoj. 2 Germana lancisto, (rad) atinginta sian plenan kreskadon. 3 (rad) Juna nobelo, havanta akran guston. 4 (rad) Floro simbolo de pureco, enhavanta neniom da akvo. 5 (rad) Homa internaĵo, pli ol necese. 6 Sufikso, kontraŭeca interjekcio, participa partikulo, (rad) patro de patro. 7 Posedanta multe da mono, izola loko kun vegetaĵoj meze de dezerto. 8 Pli, fabela estaĵo, (rad) ĉambreto. 9 Nedifina pronomo, rilata al bieno lue prenita, kuraĝiga interjekcio. 10 Ameme kaj karese trakti iun. 11 Malgranda pupo kun moveblaj membroj.

***Vertikale:*** 1 Senprokraste, fabela monstro simbolanta ventegon. 2 (rad) Bleki kiel lupo, biblia rivero. 3 Bonfartis, demanda konjunkcio, nombra prepozicio. 4 Anime impulsata al io, malproksimeco. 5 (inv) Ago paŝi en iun lokon, plenumi agon. 6 Brilblanka juvela globeto. 7 Longa ronda trabo por la veloj de sipo, (inv) vorto per kiu oni distingigas iun. 8 Ovnaska kvarpieda rampulo kun longa maldika vosto, (inv) malgranda. 9 Scienco pri la moralo, fi, participa partikulo. 10 Nevestita, (rad) longorela ŝarĝbesto. 11 De komenca ĝis fina loko, iompostiome disvolviĝi.

---

Foje, la «Fera Kanceliero» iris al Marienbad por kuracigi sian adipozon. La tiea kuracisto —la fama Schweninger— komencis per detala demandaro: heredo, kutimoj, manĝoj, trinkaĵoj, promenadoj ktp.

Tio enuigis la kancelieron, kiu, malmilde, diris al la doktoro:

– Mi ne estas alkutimita, ke oni enuigu min tiel!

—Perfekte —respondis la doktoro—. Via moŝta kanceliero devus pli bone alvoki veterinaron. Ĉiuj kuracistoj ne kutimas fari demandojn al siaj klientoj.

De tiam, Schweninger fariĝis oficiala kuracisto de Bismarck.

---

Doktoro al malsanulo;

—Vi bezonas trinki tri litrojn da lakto ĉiutage. Sed estas necese ke la lakto estu ĉiam de la sama bovino. Poste dum du monatoj vi manĝu kokinbruston ĉiutage.

—Ĉu tio ankaŭ ĉiam devas esti de la sama kokino?

## LERNU TRADUKANTE

***Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.***

Korektajn tradukojn de la tasko de Novembro sendis al ni jenaj gesamideanoj: M. Fernández Méndez, E. Pons, M. Buscató, R. Albero, M. Vallés, A. Núñez, A. Escamilla, A. Criach, E. E. Yelland, J. Anguita, M. A. Perles kaj S. Roca. Per siaj tradukoj gesamideanoj Amalia Núñez kaj Alfonso Escamilla atingis la 10 poentojn. Tial ni sendas al ili la libropremiojn.

***Por ke oni komparu kun sia tasko, jen la plej korekta traduko:***

Kiajn malfortajn kaj dolĉajn blekojn aŭdigis la ĉevalido! Estis klare kompreneble, ke li volis eliri el la stalo... kaj ankoraŭ ne estis la momento. Sed ankoraŭ oni longe prokrastos alporti al ili la matenmanĝon! Kio, do, okazis al li? Lia patrino nur lin karesis kaj lekis lian vizaĝeton. Kiel bela estis Pokey! Vera skulptaĵeto. Lia patro, kiun oni nomis la perfekta Pokey, havis delikatajn trajtojn, grandegajn okulojn tre inteligentajn, delikatajn kaj glatajn harojn hvazaŭ el pura orkolora silko. Nu, kaj la vosto? Vera belaĵo! Li svingis ĝin majeste por ke ĉiuj atentu pri li. Lia filo estis tute egala, kaj rilate la karakteron, obeema kaj dolĉa kiel tiu de lia patrino. Ŝi levis la orelojn en tiu momento por diri al sia filo, ke li estu pacienca, ĉar baldaŭ ili povos fari la kutiman promenon, kaj super ĉio, ke li silentu, ke li silentu...

***Kiel nova tasko, ni daŭrigas per alia peco de la romano «Graziella» de Alfonso de Lamartine:***

**Los Alpes, que había contemplado durante mi infancia, con sus brillantes nieves eternas, allá al confín del horizonte, desde lo alto de la colina de Milly; el mar, del que tantas y tan bellas imágenes habían grabado en mi espíritu poetas y viajeros; el cielo italiano, del cual ya había aspirado, por decirlo así, su serenidad y su tibieza en las páginas de «Corinne» y en los versos de Goethe: «¿Conoces esa tierra, donde florecen los mirtos?» Los monumentos aún existentes de esa antigüedad romana, de los cuales recientes estudios habían llenado mi pensamiento; la libertad, en fin; la distancia, que cubre de prestigio toda cosa lejana; las aventuras, esos accidentes ciertos de los largos viajes, que la joven imaginación prevé, combina placenteramente y saborea por adelantado; el cambio de idioma, de caras, de costumbres, que parece iniciar la inteligencia hacia un mundo nuevo, todo ello fascinaba mi espíritu.**

---

## ESPERANTO EN LA RADIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Lunde:* | 22'35 - 22'40 | 513 m., 48'74 m., 25'46 m. | Wien. |
| *Marde:* | 12'55 - 13'00 | 75'28 m., 48'66 m., 31'46 m., 16'87 m. | Bern. |
| | 18'35 - 18'40 | 75'28 m., 48'66 m., 31'46 m., 19'60 m. | Bern. |
| *Merkr.* | 18'50 - 19'10 | 49'22 m., 31'35 m. | Roma. |
| | 20'30 - 20'45 | 360 m. | Barcelona. |
| | 23'15 - 23'20 | 298 m., 188 m. | Hilversum. |
| *Jaŭde:* | 8-45 - ? | 202 m. | Perpignan-Roussillon. |
| | 9'30 - 9'45 | 348 m. | París. |
| | 12'55 - 13'00 | Kiel marde. | Bern. |
| | 18'35 - 18'40 | Kiel marde. | Bern. |
| | 23'30 - 24'00 | 200 m. | Valencia. |
| | 24'05 - 24'30 | 264'7 m. | Zagreb. |
| *Vendr.* | 18'50 - 19'10 | Kiel merkr. | Roma. |
| *Sabate:* | 23'15 - 23'20 | 402 m. | Hilversum. |
| *Diman.* | 13'30 - 14'00 | 250 m. | La Coruna. |

---

## VIVO SAMIDEANA

En nia numero de Decembro, pro eraro en la sciigo pri la naskiĝo de Marco Antonio Corrons, ni menciis la patrinon per la nomo María del Carmen Esparza kaj fakte ŝi estas María de los Angeles Esparza.

## BONVOLU HELPI

al la plej granda sukceso de la Esperanto-Ekspozicio arangôta de Madrida Esperanto-Klubo en la Nacia Biblioteko, sendante ĉiajn esperantaĵojn kaj donacojn al Madrida Esperanto-Klubo, Pizarro 19, Madrid.

---

● Juna oficisto deziras korespondi per bildkartoj, esperante kaj hispane, kaj interŝanĝi poŝtmarkojn. Pietro Arrabito, Stazzone 152, Catania, Sicilia, Italujo.

● Deziras korespondi kun hispana fraŭlino 20-25 jaraĝa, prefere studentino, kiu kapablos korekti erarojn en hispanlingvaj leteroj, Jozef Kock, Fislisbach (im. Feld) AG., Svislando.

● Mi ŝatas muzikon kaj literaturon, kaj deziras praktiki la lingvon. Mi deziras korespondi tutmonde. Skribu al Patricio Bolekia Bomaho, Apartado 134, Santa Isabel, Fernando Póo, Hispana Gvineo.

● Prosperon kaj sanon en la Nova Jaro 1955 deziras al ĉiuj siaj estimataj geamikoj, Izak kaj Alida Schoon, Ooievaarstraat 9, Haarlem, Nederlando.

---

**NE FORGESU** ke estas en preparo la eldono de la interesa novelo de Cervantes:

**LA MALPRUDENTA SCIVOLULO**

**en bela modela traduko de Luis Hernández**

**Atendu proksimajn informojn!**

---

*Pri la prokrasto en la apero de ĉi tiu numero de Boletín ni petas pardonon al niaj legantoj. Tamen ni tute ne kulpas. Manko de elektra forto kaj amasiĝo ĉe la presejo de granda kvanto da specialaj porkristnaskaj mendoj, estis la kaŭzoj. Ni klopodos forigi novajn prokrastojn en venontaj numeroj.*


BOLETIN

de la

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

BULTENO

DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA


## DONACOJ AL NIA BULTENO

**J. F. P., 20.—L. Puig, 15.—J. Lloveras, 10.—V. Ortiz, 9.—F. Alsina, 40.—S. Roca, 5.—F. García, 20.—C. Olalla, 10.—S. Gumá, 10.—luj samideanoj el Valencia kaj Burjasot, 10.—M. Salom, 50.—A. Costa, 10.—G. A. Cortés, 13.—J. Herps, 20.—P. Alcedo, 10.—M. Buscató, 10.**

**Entute 262 pesetoj.**

Donacoj ricevitaj en Madrida Esperanto-Klubo por ĝia Ekspozicio.

**J. Arroyo, 15.-J. M. Bernabeu, 15..A. Guerrero, 10.—M. Pardo, 25.—Manuel M. López, 25.—A. Alonso, 5.—F. Azorín, 100.—A. Blasco, 5.—P. Moreno, 100.—L. Santamaría, 10.—V. Monsalve, 100.—Baska Esperanto-Rondo, 10.—Manuela Mínguez, 25.—Palmira Santiago, 10.-Luisa Moreno, 5.**

Ĉiumonataj kotizantoj de kiam oni anoncis la Ekspozicion.

**A. Linares, 10.—J. de Diego, 5.—V. Ladrero, 5.—G. Flores, 5.—J. de Diego, 10.—J. Lorente, 2.—F. Marín, 2.—R. Pin, 5.—J. Martín, 5 -J. Tallón, 15.—J. Calahorra, 5.-J. F. Barrero, 5.—F. Fernández, 5.—F. Enfedaque, 10.—S. y D. Arnáiz, 15.—Juan E. Zúñiga, 2.—A. Blasco, 5.—Marcela Estop, 5.—Visitación Martín, 5.—Palmira Santiago, 5.**


PERIS G. VÍA M. TURIA, 28 VALENCIA